2a Jaro JULIO 1912. Nr 7.

# Internacia Pedagogia Revuo

Oficiala organo de la

Internacia Asocio de Instruistoj.

Membra kotizaĵo por 1 jaro kun la monata revuo : 1 Sm. (Fr. 2,50)
Specimena numero 0,1 Sm. (Fr. 0,25)

Redaktoro-Administranto : JAN JACOBS,
— Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen. Belgujo. —

## Kunveno de la Unuiĝo de la Asocioj Internaciaj

(Union des Associations Internationales).

— — —

La 15an kaj 16an de Aprilo okazis en Bruselo (Belgujo) en la Centra Oficejo de la Asocioj Internaciaj, la jara kunveno de la Centra Komitato de la Asocioj Internaciaj kiuj aliĝis al la Unuiĝo starigita dum la kongreso en 1910.

Kvar esperantaj institucioj sendis delegitojn : la Lingva Komitato (Sro Dro Boirac), la Centra Oficejo (Sro Chavet), la Internacia Asocio de Instruistoj (Sro Jacobs) kaj la Universala Esperanto Asocio.

Oni scias ke tiu ĉi Unuiĝo ricevis de la Fondaĵo Carnegie valoran helpon (30.000 Sm. jare). Tio permesis al ĝi eldoni novan revuon monatan, « La Vie Internationale » (La Vivo Internacia).

La estraro estis Sro Beernaert, prezidanto, Paul Otlet, Henri Lafontaine, C. Van Overbergh, sekretarioj.

Sro Beernaert malfermas la kunsidon je la 11a. Li ĝojas vidi ke la ideoj internaciaj progresadas, 172 asocioj internaciaj havas konstantan estraron. Pli ol unu triono da ili havas sian sidejon en Bruselo. Estas en Bruselo ke fondiĝis la Oficejo de la Asocioj Internaciaj al kiu Sroj Otlet kaj Lafontaine dediĉas sian tutan agemon.

Belgujo havis la plej grandan parton en tiu ĉi bela movado internacia. Esta rolo kiu konvenas al ĝia neŭtraleco, nun kiam ĝi estas protektita kontraŭ la malfeliĉaĵoj de milito.

Sro Beernaert rememorigas ke sub lia ministreco Belgujo aliĝis al la Poŝta Unuiĝo kaj de la fervojoj, kie ĉiuj demandoj malkonsentaj estas submetitaj al la arbitracio. La parolandanto

diskrete aludas al kelkaj asocioj internaciaj, fonditaj freŝdate kie la ideo pri arbitracio estas submetita al limigo.

En ĉiuj agadkampoj : kredito, juro, interkomunikiloj, la internaiiĝo triumfis.

La kunsido de la Internaciaj Asocioj Ekonomiaj kiu ĵus komencis, pruvas ke niaj ideoj pli kaj pli progresas.

Mi ne estas partiano de la absolutaj solvoj. Kelkaj el niaj amikoj revas ke la tuta mondo fariĝu unu granda nacio kun unu sola estraro, samformaj leĝoj, kun kiel sola armeo, kelkaj policanaroj. Utopio ! La unuformeco estas afero ; konkordo estas alia.

Okaze, Sro Beernaert deklaras sin kontraŭ la revo pri internacia lingvo anstataŭonta ĉiujn nunajn lingvojn.

« Necesas, li diras, konservi la originaleco de la nacioj kaj, kvankam estante internacistoj, oni povas, oni devas ami sian patrujon, la landon kie oni naskiĝis, kie oni mortos ».

Sro Paul Otlet rememorigas ke tiu ĉi kunveno estas labora kunsido. La pristudotaj demandoj karakteriziĝas per du priokupoj : kunagadi, kunaranĝi la klopodojn.

En 1910 ne malpli ol 85 internaciaj kongresoj okazis en Belguio ; 132 asocioj internaciaj sendis delegitojn al nia kongreso de 1910. Sro Otlet rememorigas la ses gravajn demandojn kiujn la kongreso pritraktis : jura regularo de la asocioj internaciaj, sistemoj de komunaj mezuroj (unuigo en ĉiuj fakoj, en la sistemo de peziloj kaj mezuriloj, ekzemple) tekniko de la internaciaj asocioj ; la dokumentado ; la starigo de preciza terminologio ; kunaranĝo de la klopodoj.

Sro Otlet ĝojas revidante ĉiujn agadajn elementojn de la tutmonda kongreso en 1910. Li citas la organismojn en plena aktiveco : opa publioteko, internacia instituto de bibliografio (11 milionoj da slipoj) muzeo internacia, starigita en la « Palai du Cinquantenaire »).

En la tagordo de tiu ĉi kunsido troviĝas la sekvantaj punktoj : raporto pri la situacio de la Centra Oficejo, situacio financa, starigo de komisiistaroj, fikso de la loko kaj dato de la proksima kongreso.

Sro H. Lafontaine demandas ke oni konservu la prezidintojn de la sekcioj kiuj ekzistis jam dum la kongreso de 1910 : regularigo kaj leĝaro prezidantoj Sroj Beernaert kaj Clunet ; komisiistaro de la sistemoj de komunaj mezuroj ; Sroj Ostwald kaj Guillaume, dokumentado kaj publikado ; Sroj Solvay kaj Sebert ; kunagado : Sro Van Overbergh.

La kunsido estas fermita je la 11 1/2

## KUNSIDO POSTTAGMEZA

Post' vizito al la internacia muzeo starigita en diversaj ĉambregoj de la « Palais du Cinquantenaire » komencis la posttagmeza kunsido, sub la prezido de la princo Roland Bonaparte. Oni ekzamenas la financan situacion de la Unuiĝo. Sroj Otlet kaj Van Overbergh proponas al la asocioj internaciaj doni al la komisiistaro projekton pri ideala budĝeto kiu povus esti pristudata en Bruselo kaj submetata al la jura konsilantaro.

La granda ĥemiisto Ostwald klarigas germane kion oni faris dum la tutmonda kongreso en 1910 kaj poste rilate la starigo de la sistemoj de komunaj mezuroj kiuj povas esti akceptitaj en ĉiuj landoj de la scienculoj kiuj praktikas la saman sciencon. Ekzistas hierarkio de la komunaj mezuroj respondante al hierarkio de la elpensoj. Estas tre grava demando. Estas necese ke oni vidu kiujn ŝanĝojn la projektota sistemigo povas havi rilate al la mezuriloj konstante uzataj.

Sro Ledoux, amerika delegito, faras tre interesan komunikaĵon pri projekto kun karaktero internacia, verkita de grupo da personaj diversnaciaj. Estas pri plano de internacia urbo kiu estas la verkaĵo de franca arĥitektisto, Sro Hebrard. Ili volas konstrui por la estanteco, sed ankaŭ por la estonteco. Ili volas labori grande, grandege. Estas franca arĥitektisto kiu plidifinis tiun revon : estas internacie laŭ intenco, sed tre amerikane laŭ karaktero. En tiu urbo internacia, oni ordigos harmonie sporta centro, arta centro, scienca centro, morala kaj religia centro, kaj ĉiu reprezentante la aktivecon de ĉiuj nacioj pri ĉiuj agadoj de la penso.

Vespere okazis akcepto de la delegitoj. La ĉeestantaj samideanoj esperantistaj nur parolis sian karan lingvon. Tiu stranga

lingvo, kaptis la atenton de kelkaj aliaj neesperantistoj. Ili demandis pri la lingvo parolata kaj poste, ĝis maltrua horo, en intima rondo, la propagando semis en fruktodonema tero.

## KUNSIDO DE LA 16a DE APRILO

La ferma kunsido de tiu konfereco komencis je la 10 1/2a, sub la prezido de Sro Beernaert.

Sro Otlet montris la necesecon centralizi ĉiujn servojn en saman lokon. La demando estas pristudata. La belga registraro kiu jam sin montris tre malavara rilate la Unuiĝo de la Asocioj Internaciaj, promesis ekzameni bonvoleme la demandon pri la civila personigo kaj la novaj lokoj.

La paroladanto plendas pri tio ke en la internaciaj ekspozicioj oni volas aligi perforte al unu aŭ alia nacia sekcio la aferojn kiuj havas karakteron nur internacian kiel tiu ĉi.

La kongreso voĉdonas gratulojn al la Amerikanoj kiuj elpensis la projekton pri internacia urbo, projekton elmontritan hieraŭ en la « Cinquantenaire ».

Sro Lafontaine diras ke la estraro demandis al la Amerikanoj ke ili provu organizi la proksiman kongreson la proksiman jaron en Washington. Ili respondis telegrafe ke ili pliŝatas atendi ĝis la grandega ekspozicio internacia kiu okazos en 1915 en San Francisko.

Atendante oni interkonsentis ke la proksima tutmonda kongreso okazos en Gento, la venontan jaron.

Parolante pri la budĝeto de la Unuiĝo, Sro Lafontaine dankas Sron Solvay kiu donacis 10.000 Sm. al la verko. La belga registaro kaj la Interparlamenta Unuiĝo ankaŭ subtenas ĝin. La Fondaĵo Carnegie ĵus firmigis la budĝeton de la verko (33.200 Sm. da enspezoj jare, tiom da elspezoj).

Sro Lafontaine esperas la subtenon de la registaroj. Li citas la Instituton de Terkulturado en Romo, kiu havas budĝeton da 320.000 Sm.

Sro Lange, sekretario de la Interparlamenta Unuiĝo gratulas la personojn kiuj portis la ŝarĝon de la verko dum la malfacila periodo komenca. Ĉiu laboro devas esti pagita ; ankaŭ ni opinias ke tiuj kiuj sin dediĉis neprofiteme por starigi tiun grandegan

verkon, devas ricevi nun materian rajtigon pro siaj penadoj.

Sro Otlet proponas la elekton de financa komisiistaro kaj la sendon de danko al la Fondaĵo Carnegie.

La Unuiĝo de la Asocioj Internaciaj korespondadis senpere kun la registaroj.

Sro Ostwald parolas france kun humoro pri la alvokoj kiujn oni devas fari al la mecenoj. Li esperas vidi la tempon, kiam la « malfeliĉaj » milionuloj cien kurados, petegante : « Donu al mi ion por fondi ».

Sro Beernaert fermas la kunvenon.

LA LINGVO UZOTA.

Interesa diskuto okazis dum la ferma kunsido pri la demando de la lingvo uzota de la internacia movado.

Kelkaj estas partianoj de artefarita helpa lingvo, kiel Esperanto, la aliaj defendas la uzadon de vivanta lingvo, kiel la franca. Oni decidis ke du komisiistaroj estos starigitaj por ekzameni ĉiun el tiuj demandoj : uzado de lingvoj vivantaj kaj uzado de helpaj lingvoj. Raportis

J. Jacobs, Antverpeno.

---

## VOJAĜSTIPENDIOJ POR STUDENTOJ

Ĉiostudenta Asocio, ĝis nun unu sola studenta organizaĵo internacia, elskribos baldaŭ 2-3 vojaĝstipendiojn por studentoj. La stipendio devas esti uzita nur por propaganda vojaĝo tra fremdaj landoj. La postulantoj sciigu la jenajn informojn : 1. Precizan adreson ; 2. Aĝon kaj studon ; 3. Direkton de proponata vojaĝo (landoj-urboj) ; 4. Tempon (proksimume) ; 5. Proksimuman sumon da spesmiloj. Unu respektiva stipendio ne estos pli granda ol 50-100 Sm. Dum la pasinta jaro oni donacis du stipendiojn (al Hungaro kaj Ĉeĥo) sume 150 Sm. Petojn oni sendu (aldonante 1 respondkuponon aŭ samvalore eĉ naciajn poŝtmarkojn por respondo) kiel eble plej baldaŭ al adreso : ESPERANTO — LUHAĈOVICE (Aŭstrio-Moravio).

Petoj sen respondkupono estos ne respondataj. La aliaj gazetoj estas tre petataj por represo.

# DANKON

« Ni helpo unu la alian ».

Internacia Asocio de Instruistoj kaj Internacia Pedagogia Revuo tutkore sendas sian sinceran dankon al Nederlanda Katoliko, kiu, en sia Julia numero, neprofiteme publikigis sciigon pri tiu Asocio kaj ĝia oficiala organo. Ili ankaŭ plej sincere dankas la Sociedad Cubana para la propagacion de Esperanto, kiu publikigis flugfolion, hispane redaktitan, enhavantan alvokon al la instruistaro kaj sciigon pri I. A. I. kaj I. P. R.

(Imitindaj ekzemploj).

# MEMBROJ KIUJ ALIĜIS ANTAŬ LA 31ª DE JULIO 1912

75. Sro F. L. G. Maréchal, B. A., 3, Kingston Terrace, Leeds (Anglujo) 1.—
76. Sro A. Giraud, 2, rue du Nil, Marseille (Francujo) 1.—
77. Sro L. Borkowski, Row, Dzimianen, (West-Preussen, Germanujo) 1.—
78. Fino Elisa Tegoni, Via Gioberti, 8-9, Sampierdarena (Italujo) 1.—
79. Sro A. Halamasek, Unter-Themenau (Nieder-Osterreich-Aŭstrio) 1.—
80. Sro José Pires Marques, Calcada de Sta Ana, 198, 1°, Lisboa (Portugalujo) 1.—
81. Sro profesoro J. N. Unwalla, M. A., Centra Hindu College, Benares, (Hindujo) 0,900

# BIBLIOGRAFIO.

WERNIGERODE-HASSERODE, Ŝlosilo de Harzmontaro, gvidfolieto pri tiu bela regiono. Senpage ĉe « Verkehrsamt der Städtischen Kur-Verwaltung, Wernigerode-Harz, Germanujo.

ĜENERALA KATALOGO de la Presa Esperantista societo, 33, rue Lacépède, Paris, Francujo.

KLEINES VERZEICHNIS DER ESPERANTO-LITERATUR. — Katalogo de la Esperanto Verlag Möller kaj Borel, Berlin S. W. 68, Lindenstrasse, 18-19, Germanujo.

Esperante redaktita cirkulero de Esperantista ĉefa agentejo de « Frederiko-Vilhemo ». (Prusa akcia kompanio por viv-kaj garanti-asekuroj en Berlin). Max Gottgetreu, Rundestrato, 13, Hannover, Germanujo.

HUNGARAJ RAKONTOJ de Ferenc Herczeg, tradukis A. Panajotte, nº 21 de Esperanta Biblioteko Internacia. — Esperanto Verlag Möller kaj Borel, Lindenstr., 18-19, Berlin, Germanujo. — Prezo : 0,100 Sm.

Plej rekomendinda verketo por legadaj ekzercoj dum kunvenoj.

KROATAJ POEZIAĴOJ kun literaturhistoria enkonduko de Mavro Ŝpicer. Propaĵo de l'aŭtoro ; Zagreb (Kroatujo-Aŭstrio). Prezo : 0,750 Sm.

La aŭtoro trafe sukcesis konigi al la tutmondo spiritajn trezorojn de popolo preskaŭ tute ne konata.

FANTOMOJ (Fantaziaĵo) de Ivan Turgenev, el la rusa lingvo tradukis Dro Andreo Fiŝer. — Nr 1 de la Esperanta Biblioteko Danubo ; Editura Esperanto, 14, str. Belvedere, Bucuresti, Rumanujo. Prezo : 0,100 Sm.

VERSAĴOJ (Libro unua) kun portreto de la aŭtoro. — Originale verkitaj de Sro Georgo Deŝkin. — Nr 2 de la Esperanta Biblioteko Danubo.

Ĉiuj, kiuj konas la bone prizorgata revuo « Danubo », ne dubos pri la alta valoro de ambaŭ cititaj verketoj.

Precipe la verketo de Sro Deŝkin estas vere nova, ŝatinda trezoro por nia Esperanta literaturo.

NEDERLANDA KATOLIKO, monata, oficiala organo de la Nederlandaj R. Kat. Esperantistoj. Abonprezo : Sm. 1,040 jare. Redakcio-Administracio : St. Crispijnstr., 57, 's Hertogenbosch, Nederlando.

CUBA ESPERANTISTO, oficiala organo de la societo kuba por la propagando de Esperanto. — Redakcio-administracio : Apartado 1324, Habana, Cuba.

## GRAVA AVIZO.

Tiu ĉi numero de nia revuo estas la lasta de la 2a jarkolekto; tiu de Aŭgusto estos la unua de la 3a jarkolekto. Ĉar laŭ art. VII de nia regularo, la budĝeta periodo daŭras de unu universala kongreso esperantista ĝis la sekvanta, ni afable petas la gemembrojn de I. A. I. bonvoli sendi al la kasisto kiel eble plej baldaŭ sian kotizaĵon por la tria asocia jaro. Oni aldonu, kaj tio estas necesega, iom da helpmono. Dum la pasinta jaro la mono enspezita (kotizaĵoj kaj donacoj) nur ĝuste sufiĉis por kovri la elspezojn de nia asocio (eldon de 7 numeroj kaj ĝeneralaj elspezoj administraciaj). Detalaj raportoj pri la agado de nia asocio aperos en la venonta kajero. Ni esperas ke neniu membro forlasos niajn rangojn kaj ke ĉiuj ree helpos por plifortigi kaj kreskigi nian asocion kaj ĝian oficialan organon por la bono de la Esperanta movado ĝenerale kaj de la instruado speciale.

---

## DIVERSAJ SCIIGOJ :

———

Ordinaraj membroj pasgas ĉiujare 1 Sm. (fr. 2.50); propagandiuloj almenaŭ ĉiujare 4 Sm. (fr. 10 10; donaculoj almenaŭ ĉiujare 10 Sm. (fr. 25). I. A. I. akceptas dankeme ĉiujn donacojn, kiuj helpas ĝian agadon.

——

Dezirante forte restarigi I. A. I. kaj I. P. R., Sro F. L. G. Maréchal, nia estimata vicprezidanto, donacis senpage 20 ekzemplerojn de sia bonekonata, bonega libro « Tutmonda Lernolibro por paroligi Esperanton». (Prezo: Sm. 0,500).

Samcele kaj samkondiĉe nia fervora membro, Sro Jacques Camescasse, donacis senpage 12 ekzemplerojn de la tre interesa « Noto pri la Inicilo Matematika. (Prezo: Sm. 0,400).

La sumo de la vendo de tiuj libroj estas tute je la profito de la kaso de I. A. I. Tiuj, kiuj deziras efike helpi nian asocion kaj ĝian revuon, kaj samtempe ricevi utilegan libron, mendu ĝin tuj ĉe la administranto de I. P. R.

---

Presejo Esperantista : J. Heylen-Andries, Antwerpen.